# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 04/02/2016 Ducentkvindekkvina eldono 04/02/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj" korektitaj atingeblas je la suba adreso**

Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol **283,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Esperanto Pocket Textbook estas** **PROPAGANDILO** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn.




Ne lasu kopiojn sur bretoj. Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj



**aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon**

**http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine**

Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

## 108. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



### La Komo. A.

La celo de la komo ne estas nur doni ripozeton por spiri, sed ankaŭ por pli rapide kaj klare kompreni la legaĵon. La komo kutime ja malligas propoziciojn, ĉefajn kaj subordajn, kaj oni kun komoj do pli rapide vidas, kiuj elementoj apartenas al suborda aŭ reduktita suborda frazo. Ekz. en "Ni ne sciis la tialon kial ni ne povis

aŭtomobili tie" la komo inter "tialon" kaj "kial" tuj diras al ni ke "kial" kaj la vortoj post ĝi formas apartan frazon, kiu estas suborda frazo rilatanta al "la tialon" en la ĉeffrazo. Angle: "the reason, why + plena aŭ reduktita subfrazo, do kial ni ne povis aŭtomobili tie. La indiko estas, ke la vorto "kial" devas esti rilata pronomo, ĉar ĝi ne estas demanda pronomo ĉar mankas demandsigno. Estas precipe la angloparolantoj, kiuj havas problemon eltrovi tion, ĉar ili ofte ne uzas la necesan komon kaj kelkfoje eĉ metas ĝin en la malĝustan lokon, kiel ekzemple en "I do not know why, he left earlier". Kaj estas precipe la angloparolantoj, kiuj bezonas la komon, ĉar ilia lingvo havas multajn vortojn kaj esprimojn, speciale la –ing vortojn, kiuj havas du signifojn laŭ ilia pozicio en la frazo.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)




# Elstara esperantisto en Demokratia Respubliko Kongolando



Skribis Bob Felby



Juna 27- jara esperantisto, Mana Namutema Brinson, laboregas por la bono de siaj samlandanoj en DRK. Ĉar pro kruelaj militoj mortis multege da bonaj homoj, multe da infanoj ne plu havas gepatrojn. Tio signifas ke ili ne havas manĝaĵon nek edukadon.



Sed Mana kaj lia edzino estas eksterordinaraj, kompreneble. Ili iel sukcesis konstruigi malgrandan lernejon, en kiu ili kune edukas 20 georfojn. Tie la infanoj lernas la plej necesajn aferojn. La plej multaj el ili dormas tie. Aliaj dormas, kie eblas al ili. La edzino kuiras manĝaĵon por ili, kaj Mana, kiu eklernis Esperanton antaŭ 13 jaroj instruas tiun belegan lingvon unu posttagmezon ĉiun semajnon. Krom tio li instruas Esperanton ankaŭ al plenkreskuloj. Ekzemple unu el liaj lernantoj ne plu estas nura junulo, li estas 70-jara kaj bonege kaj facile lernas. Sed li jam perfekte parolas ankaŭ la belan francan lingvon !



Tiu Mana kontaktis min dezirante regule paroli kun mi per Skajpo. Kompreneble mi konsentis. La iomete tro granda problemo estas, ke Mana ne plu havas komputilon. Antaŭ ne longe li uzis la poŝtelefonon de najbarino, sed bedaŭrinde kaj per akcidento ŝi perdis ĝin en la akvon, kaj nun ĝi ne plu funkcias.

Do, kiam Mana volas uzi komputilon li devas piediri al la plej proksima vilaĝo, kiu situas 15 kilometrojn for de lia. Tie troviĝas kafumejo kun komputilo, kiun li povos uzi. Sed nececas al li pagi multe da mono. Post sia uzado de la komputilo li devas piediri la samajn 15 kilometrojn hejmen. Tio estas longa, eĉ longega vojo, ĉu ne? Sed Mana estas fervora esperantisto kaj ĉar li amas homojn, li faras sian eblon por kontentigi ilin ĉiujn.

Plaĉus al mi vidi lin ĉi tie en Aŭstralio dum unu el niaj multaj interesaj kongresoj. Sed ne nur tio. Estas eble io alia, kion ni ankaŭ povus fari por li. Ĉu eblus, ke iu el ni, se tiu iu eble havas du malgrandajn komputilojn aŭ eble poŝtelefonojn, kiujn tiu iu ne plu bezonas, povus sendi unu el ili donace al Mana, por ke li povu daŭrigi sian bonegan laboron por la bono de la homaro? Li vere bezonas nian helpon ! Kaj tio ŝparus al li la 30 kilometran piediradon por uzi komputilon. La tempo, kiun li uzas por iri 30 kilometrojn povus esti pli bone uzata helpi kaj instrui la 20 georfojn, ĉu ne?

Se iu interesiĝas kaj opinias, ke Mana meritas iom da helpo, do, jen lia adreso: Mana Namutema Brinson, B.P. 428 Rusizi, Cyangugu, Ruando, Afriko.

Aŭ simple: mana.esperanto.brinson@gmail.com aŭ kae.kiliba@gamil.com

Skajpe: Brinson.mana26

# La franca Esperanto-kastelo Grésillon



## Invitas vin lerni kaj ferii.

2016-apr-08/16 : PRINTEMPaS, intensivaj **kursoj** kaj KER-ekzamenoj (B1, B2, C1) => http://gresillon.org/printempas
2016-apr-20/24 : **Korusa** renkonto de *Interkant'* kaj **verkad**aliero *Krajon'-Ankro* => http://gresillon.org/koruso
2016-jun-12/17 : La Luaro laŭ la vortoj, **turisma** semajno laŭ verkistoj => http://gresillon.org/s1
2016-jul-04/15 : Dektaga kurso pri la esprimo de la **tempo** en Esperanto => http://gresillon.org/s2
2016-aŭg-06/13 : SOMERAS, la Esperanto-**studad**-semajno post FESTO => http://gresillon.org/s3

2016-aŭg-21/28 : Festa semanjo por **infanoj**, adoleskantoj kaj familioj => http://gresillon.org/s4
Kontakto: kastelo@gresillon.org, +33-2.41.89.10.34, http://gresillon.org/kontakto

informis Berto Ŝuman

# Fondaĵo Edukado

Mi informas vin ke mi ĵus publikigis la raporton pri la pasintjara laboro de la Fondaĵo Edukado.net.

La tutpublika raporto atingeblas en la Dosierujo: http://edukado.net/biblioteko/dosierujo?iid=257.

La kompleta raporto, kune kun la financaj detaloj, legeblas nur por la sponsoroj kaj subtenantoj.

Ĝi troveblas ĉi tie: http://edukado.net/prie/subteno/raportoj.

Se vi iam sendis monon al la paĝaro kaj nun ne povas vidi la detalan raporton, bv kontakti

la redaktoron.

Por indiki ke vi ricevis tiun mesaĝon kaj ŝatus teni la konton aktiva, ni petas vin ensaluti en la paĝaron en la sekvaj tagoj. Dankon.

Kiel vi povas legi en la raporto, ni multon faris en la jaro 2015, kaj ni havas same gravajn kaj grandajn planojn por la nuna jaro.

Vi povas multmaniere informiĝi pri tiuj planoj kaj taskoj, ekzemple se vi abonas informmesaĝojn pri novaĵoj kaj aliaj servoj en la parto MIA ANGULO, ĉe unu el la elektebloj apud la fotokadro: http://edukado.net/mia.

Se vi volas kontakti la redaktoron aŭ subteni nian laboron, la ligojn vi trovas fine de ĉiu paĝo de la paĝaro (Kontakto/Subteno).

Por tiuj, kiuj ŝatus kleriĝi kaj ludi, ni proponas provi la ludon RISKO: http://edukado.net/ludoj/risko .

Kaj fine mi kaptas la okazon atentigi vin pri la eblo organizi KER-ekzamenon aŭ ekzameniĝi. La koncernaj informoj estas en la anonco ĉe http://edukado.net/novajhoj?id=600.

Mi esperas revidi vin aŭ en la paĝaro aŭ en unu el la programoj kie ni ĉeestas.

Katalin Kovats, redaktoro

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novajletero

Ĉiuj AE--5a eldono montras ĉiun tabelo

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 | 235 | 236 | 237 | 238 | 239 | 240 | 241 | 242 | 243 | 244 | 245 | 246 | 247 | 248 | 249 | 250 | 251 | 252 | 253 | 254 | 255 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | | | | | | | X | | X | | | | | | | X | | X | | X | | | | | | | | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | X | X | X | | | X | X | X | X | X | | | | X | | | X | | | | | | X | X | X | X | X | X | X |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | X | | | | | | | | X | | | | | | | | | X | | | | X | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | X | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | X | | X | | X | | | X | | X | | | | | X | X | | X | X | | | | | X | X | | | X | | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | X | X | | | | | | X | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | | | | | | | | X | | | | | | | X | | | | X | | | | | | | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | | | X | | X | X | X | X | X | | | X | | | | | | X | | | X | X | X | | X | | | | | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | X | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | X | | X | | X | | | X | | X | | X | X | | | | X | | X | X | | | X | | | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | X | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | X | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | X | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | | | | X | | X | X | X | | X | | | X | X | X | X | X | X | X | X | X | X | X | X | X |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

**Pri 3ZZZ radio** En la elsendo de la 1a de februaro eblas aŭdi pri tiuj malgrandaj aeroj , kiuj ne dependas de ŝtatoj kaj se vi estas legemulo, recenzo pri la romanoj de Simenon allogos vin .



Ĝojan aŭskultadon deziras al vi ,

Franciska Toubale